


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro Decembro 1934 N-ro 43**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondajojn al APARTADO DE CORREOS N.o 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ACLARACION

En el acta LIII de la Junta Central Ejecutiva de H. E. A., que apareció en el número anterior de esta revista, se dice: «Con motivo de la adquisición por H. E. A. del libro «Amelia kaj Marina», el autor presentó la factura del importe de la edición, que quedará archivada en la oficina, y que se abonará al autor a medida que se vendan ejemplares». Como leyendo solamente lo transcrito pudiera incurrirse en error, precisa tener en cuenta que en el número 40 de esta revista, página 7, párrafo tercero, se dice que *«el autor recientemente donó a H. E. A. la edición completa en muy favorables condiciones, que facilitarán a la Asociación medios económicos después de algún tiempo para editar otros libros...»*. Las favorables condiciones aludidas son las que se establecen en la carta que D. Julio Mangada Rosenörn dirigió a la Directiva de H. E. A. con fecha 4 de julio del corriente año, que se insertó en el número 38 de esta revista (páginas 3 y 4), y en la que, aparte de otras cosas, se dice: «2.° *Mi nuevo libro* «AMELIA kaj MARINA» *también pasa a ser propiedad absoluta de H. E. A.; pero con la venta de él se atenderá primeramente a* AMORTIZAR LOS GASTOS DE SU EDICION, *y una vez amortizados* (SEGUN FACTURA DE LA IMPRENTA), *el resto de lo que se obtenga con la venta de ejemplares pasará a sumarse al fondo especial editorial*». Para saber cuánto precisa amortizar es por lo que el autor presentó la factura, *para que quede archivada, como documento base para la amortización, en su día, de los gastos de edición, que el autor pagó de su bolsillo*; y la presentó para cumplir lo dicho por él en su carta (punto 2.°, en el que se hace referencia a la *factura*). Y es digno de hacer constar que tan escrupulosamente procede el autor en lo que a la cesión se refiere, que, queriendo dar una compensación cordial al Grupo Esperantista Infantil de Santander, que hizo al Sr. Mangada una sincera demostración de afecto mediante una placa de plata grabada, adquirió doce ejemplares de su obra (ingresando su importe en caja) para donárselos a dicho Grupo.

FERNANDO REDONDO

# PRESERAROJ

En la artikolo de la antaŭa numero «U. E. A.» oni devas korekti du preserarojn: sur la paĝo 5ª, linio 5ª (de malsupre supren), kaj sur la paĝo 7ª, linio 3ª, diras *H. E. A.*, oni devas legi *U. E. A.*

# KONSILOJ POR LA KURSESTROJ

Ni supozu, ke la lernantoj detale trastudis la gramatikan parton de sia lernolibro kaj ke ili posedas jam sufiĉe grandan kvanton da vortoj por povi esprimi simplan ideon. Ni progresu de vortoj al frazoj — al konversacio.

Por vivigi la intereson de lernantoj en kurso supera, estas rekomendinde procedi laŭ sekvanta maniero:

1) Facile kaj kvazaŭ ludmaniere oni memorfiksos la vortan trezoron, pasigante en ĉiu kurso iom da tempo per sekvanta ludo: La instruisto (ludestro) proponas iun finiĝon, ekz. —oro (inter komencantoj estas utile elekti sole iun vortformigan finiĝon, ekz. *—ano*, *—ilo* aŭ alian) kaj laŭvice unu post la alia diru sian ekzemplon, ekz.: horo, moro, memoro, honoro, ekvatoro, koloro, meteoro, laboro, valoro, k. t. p. La ludestro povas postuli, ke iu, de li montrita, traduku tiun aŭ alian terminon. Inter Esperantistoj pli spertaj oni aprobu sole vortojn nekunmetitajn. La vortojn skribas subsekve la ludestro kaj kiam iu ne scias plu ekzemplon, li prenas de li ludmarkon — tamen sole en tiu okazo, se iu alia scias ankoraŭ iun novan vorton. Se neniu plu scias ekzemplon, oni substrekas la vortvicon kaj post nelonga tempo de silenta repripensado la ludestro demandas ankoraŭ unufoje ĉiun. Por ĉiu plua, nova, nun ankoraŭ dirita vorto, li repagas po unu monero al la ludanto. (Estas konsilinde noti dum la ludo la vortojn private, kaj, kiam oni fermas la ludon, valorigi sian provizon konservatan laŭ ebleco ĝis la momento de repago).

2) Sendube ĉiu instruisto posedas la bonegan leksikonon de Kabe (Vortaro de Esperanto) en kiu estas precize difinita kaj klarigita per Esperanto la senco de vortoj esperantaj. Elektu iun vorton kaj demandu pri ĝia signifo, kompreneble ĉiam en Esperanto, ekz.: «Kion signifas la vorto «Aboni»? Difinu per aliaj vortoj ĝian signifon». La lernanto laŭ provizo de konataj vortoj klarigas per sia ideo, ekzemple: «Aboni estas mendi ion antaŭ ĝia apero». La instruisto, sciante precize la difinon, demandas: «Ĉu tio okazas senpage?» Lernanto: «Ne, oni devas antaŭe pagi». Tiam oni legas la difinon en la nomita vortaro: Mendi por difinita tempo kaj antaŭe pagi gazeton, bileton por spektakloj, ktp. Ekz... — Alia lernanto diru frazon, en kiu la vorto «mendi» estas enhavita, ekz.: «Oni povas mendi nian gazeton por rabatita prezo». (Rim.: Se iu ne komprenas la vorton «rabato», oni tuj analizu ĝin laŭ la sama maniero). Demandu pri la difino de koloroj, k. t. p.

Simile la instruisto daŭrigu la interparoladon pri *unu* vorto (substantivo, verbo, ktp.), plej ofte mem klarigante per nelongaj frazoj, en kiuj li uzadu konvenajn sinonimojn (t. e. vortojn, kiuj havas signifon

tre proksiman al alia vorto) kaj gramatikajn turniĝojn (kunmetado de vortoj: «loko, kie mi loĝas» — loĝloko, loĝejo; «oni povas diri» — tieldire; «jam de longe li estas mia amiko» — li estas mia delongtempa amiko; «mi vendis tion por konforma prezo, por nemulte da mono» — oni aĉetis tion de mi bonpreze; «mi venis por lin inviti» — mi venis, por ke mi invitu lin; «tial — ke» — ĉar; pro tio, ke kaŭze de). La notado de ĉiu nova vorto estas rekomendinda, kaj la instruisto ekzamenu la sekvantan fojon la lernantojn laŭ iliaj notkajeroj.

3) Kompreneble, oni ankaŭ legu kaj traduku tekstojn el la lernolibro; la lernantoj povas sin antaŭprepari jam hejme per helpo de la vortaro. Post kelke da lecionoj oni povas alpaŝi al konversacio. La tasko de la lernantoj estas: esprimi per propraj vortoj frazon (ĝian ideon), kiun la instruisto eldiris; estas postulate, ke la lernanto riĉigu ĝin per propraj ideoj, ke li aldonu ion kaj laŭ ebleco larĝigu ĝin. Por konservi intereson inter la lernantoj povas ĉiam la laste respondinta mem nomi le respondonton, sed nur post kiam la demando estis metita. Demandi povas en la komenco la instruisto, pli malfrue la lernantoj mem. Ekz.: «Mi ne venis, mi ne povis». Lernanto: «Kvankam mi promesis veni al vi, mi tamen ne povis, ĉar mi estis okupita». Aŭ: «Mi havis tiom da laboro hodiaŭ, ke mi ne povis veni al vi, sed mi promesas viziti vin morgaŭ». Tiel oni povas plivastigi la diritan ideon eĉ per kelkaj frazoj, kiuj klarigas la kaŭzon, promeson, celon, intencon, ktp. Pli malfrue oni povas postuli, ke la lernantoj esprimu similan ideon, sed uzante *aliajn vortojn*, ekz.: «Mi promesis viziti vin, sed mi estis okupita. Io malhelpis min, ke mi salutu vin en via hejmo».

4) La lernantoj ŝatos ne malpli multe iom da amuzo; la konataj ludoj por societoj estas taŭga temo por enkonduki konversacion. Inter la multenombraj ludoj ni citu la sekvantan: Unu lernanto skribu sur papero nomon de iu objekto, besto, ktp. La ceteraj laŭvice demandu pri ĝia celo, formo, prezo, koloro, kvalito, restadejo, moroj, ktp. Ekz. La skribinto elektis jam iun vorton...

La unua demandas: Ĉu vi skribis nomon de objeto, kiun mi kunportas? Respondo: Ne. Dem.: Ĉu la objekto estas viva? R.: Jes. D.: Kie ĝi loĝas; ĉu en la urboj? R.: Ne. D.: Ĉu vi skribis nomon de besto? R.: Jes. D.: Ĉu la besto estas granda? R.: Pli granda ol muŝo kaj malpli granda ol hipopotamo. D.: Ĉu ĝi havas felon? R.: Ne. D.: Ĉu orelojn? R.: Ne. D.: Ĉu ĝi estas kvarpieda? R.: Jes. D.: Ĉu ĝi flugas? R.: Ne. D.: Sekve ĝi ne estas vesperto? R.: Nepre ne. D.: Ĉu ĝi kuras aŭ rampas? R. Ĝi nek kuras nek rampas. D.: Ĉu ĝi do naĝas en la akvo? R.: Jes, iam. D.: Sekve, ĉar ĝi havas kvar piedojn kaj nek kuras nek rampas, ĝi

povas esti sole amfibio. Ĉu ĝi havas voston? R.: Ne, ĝi ne havas voston. D.: Nu, tiam ĝi ne povas esti salamandro, sed certe rano. R.: Jes, jen la nomo.

5) La lernantoj priskribu esperante objekton aŭ bildon; por tiu celo ili elserĉu en la vortaro vortojn, kiuj rilatas tiun aŭ alian specialan temon; pli malfrue ili povos prepari vortprovizon por priskribi; ekz.: vojaĝon, ekskurson, urbon, ktp.

6) Pri tio, ke estas grave legi kaj tradukadi tekstojn esperantajn, precipe la verkojn de bonaj aŭtoroj, ne estas bezone paroli. La legitan parton oni traduku laŭvice kaj poste oni rakontu la enhavon per propraj vortoj. Dum tio havas la instruisto certe sufiĉe da okazo por atentigadi pri interesaj vortoj kaj frazoj kaj por reapliki la gramatikajn regulojn, aludante unuavice la ofte ripetatajn erarojn. Ekz.: oni ne povas diri: «Mi estas labor*ante*» sed oni devas diri: «Mi estas labor*anta*», ĉar «laborante» signifas «kiam mi laboras» (Kontraŭe, oni devas diri: «Labor*ante*, mi gajnas monon», ĉar tio egalas la ideon: kiam mi laboras). Simile, kiel la participo —*ante* estas uzota la adverbo —e: Oni devas diri: «Mi estas sana» kaj ne «Mi estas sane»! Ĉar sane signifas: laŭ sana maniero. — Alia ekzemplo: *Antaŭ*: ke, kiam, kiom, ktp., oni metas komon. Vidu la verkojn de Zamenhof, ekz., liajn Paroladojn ĉe la kongresoj. — Oni diru sama kiel.. (ne: sama ol..); precipe estas atentinda la diferenca traduko inter esperanta kaj la nacia tekstoj, ekz.: «no veo nada», oni traduku per unu negacio: «mi vidas nenion» — logike. «¿Quiénes cantan?» «Kiu kantas?» (En Esperanto oni ne demandas per pluralo, ne sciante — logike — la respondon; simile en aliaj lingvoj). — Pri la akuzativa formo en la hispana lingvo: La frazo «Veo a su padre» estas tradukota «Mi vidas vian patron» kaj ne: al via patro. — «Ablativo absoluta»: Vidante lin, li forkuris, t. e. li vidis, li forkuris. Oni ne povas diri: Mi vidante lin, li forkuris. — Rimarkigu la diferencon inter: Mi vidis lin venanta — mi vidis lin venante. La unua frazo diras, ke mi vidis lin en la momento kiam *li* marŝis; la dua, ke mi vidis lin, kiam *mi* marŝis, ktp.

(*Daŭrigota.*)

---

## PRI U. E. A.

La Direktoro de Universala Esperanto Asocio sin turnis al H. E. A. per letero el kiu jen la paragrafo, kiu klarigas ĉion pri la altigo de kotizoj al nia universala organizaĵo:

«*Ni rapidas respondi al viaj afablaj linioj, kiuj havis nian tutan atenton.*

»*Eble nia karto, rapide sendita por provizora informo al vi, povis*

*kaŭzi miskomprenon ĉe vi. Efektive la kaŭzo de la altigo de l' kotizoj ne estas nur la lastatempa senvaloriĝo de la hispana valuto. Ĉi tiu ja ne estis tre granda. Fakto estas, ke la siatempe fiksitaj kotizoj bazas sur pli favora kurzo, sed nun ne plu permesas al ni, ekvilibrigi nian propran kalkulon. La nun fiksitaj kotizoj* por MJ kaj MA *ankoraŭ estas 30 %, resp 35 % sub la normkotizoj en svisaj frankoj. Vi komprenos senpere, ke ni ne povas konservi la malnovajn prezojn. Ni opinias cetere, ke la malgranda altigo estas portebla de niaj membroj en via lando. Ĝuste en la nuna momento ni estas devigitaj, aponte atenti reguligi niajn financaferojn. Seriozaj membroj kaj amikoj de U. E. A. devas nepre kompreni tion.*»

La kopiita paragrafo pravigas nian konduton pri neceso agi klare, lojale, serioze; ĝi des pli konstatas la tute malbonan agadon de la antaŭa spirito reganta la organizaĵon, ĉar estas elpruvite tiel, ke oni ne atentis la veran bonan vojon, ke nur oni celis enspezi ne atentante la estonton. La altigo, do, ne devenas de kaprico, de arbitra opinio ies; ĝi devenas de nepra neceso al plej bona ordo de la financstato de U. E. A. Esperinde estas, ke la membroj de H. E. A. kiuj estas kategorianoj de U. E. A. atentos la altigon kaj sendos siajn kotizojn kiel eble plej baldaŭ al la trezoristo de Hispana Esperanto Asocio. Por ĉi tio, jen la kotizoj por 1935:

Membro kun Jarlibro, OK peset.
Membro Abonanto, dudek peset.
Membro Subtenanto, sesdek peset.

Tiuj, kiuj sendis jam siajn kotizojn, laŭ malnova tarifo bonvolu sendi la necesan sumon por kompleti la novan.

---

## MARKIZO DE SANTILLANA (1398-1458)

SERRANILLA (1)

Moça tan fermosa
Non vi en la frontera,
Como una vaquera
*De la Finojosa.*

Faciendo la vía
Del Calatraveño

MONTARPOEMO (1)

Fraŭlinon mi vidis,
Ĉe l' land' la plej bela
Si estis, ĉiela;
Bovinojn ŝi gvidis.

Al Sankta Mario
Rajdante, laŭ normo,

(1) Ĉi tiu poemo estas unu el plej altvaloraj juveloj de la hispana poezio.

A Sancta María,
Vencido del sueño
Por tierra fragosa
Perdí la carrera,
Do ví la vaquera
*De la Finojosa.*

En un verde prado
De rosas e flores,
Guardando ganado
Con otros pastores,
La ví tan graciosa
Que apenas creyera
Que fuese vaquera
*De la Finojosa.*

Non creo las rosas
De la primavera
Sean tan hermosas
Nin de tal manera,
Fablando sin glosa,
Si antes sopiera
D'aquella vaquera
*De la Finojosa.*

Non tanto mirara
Su mucha beldat,
Porque me dexara
En mi libertat.
Mas dixe: «Donosa
(Por saber quién era),
¿Dónde es la vaquera
*De la Finojosa*?»

Bien como riendo
Dixo: «Bien vengades;
Que ya bien entiendo
Lo que demandades:
Non es deseosa
De amar, nin lo espera,
Aquesa vaquera
*De la Finojosa.*»

Sen tuta konscio
Pro manko de dormo,
Min vojo perfidis
Tra monto malhela,
Pro ŝia bel' stela,
Mi kiun avidis.

En verda la bedo
Kun rozoj kaj floroj,
Ekzistis ne tedo
Por gepaŝtistkoroj.
Ne pri ŝi mi fidis
Paŝtiste samcela,
Ke sorto kruela
Ja tiel decidis.

Ne tiel la floroj
Printempaj jam estis,
Iliaj koloroj
Eĉ same ne restis.
Mi multe konfidis;
Nun penso ŝancela,
Ĉar en ŝin tre ŝtela
Alforto ja sidis.

Mi ŝin ne atentus,
Celante konkeron,
Kaj tiel ne pentus
Mi perdi liberon.
Sed mi tuj rapidis:
«Vi, diru, anĝela
Fraŭlino gazela,
Ĉu tiel validis?...»

Kun rid', ŝi parolis:
«Al vi, nu, bonveno;
Pri kio vi volis,
Al mi ja kompreno:
Al iu, decidis
Mi resti fidela,
Ne amo nobela
En min, do, incidis.»

*Esperantigis:* JULIO MANGADA ROSENÖRN

# IMPORTANTES AVISOS

*Con arreglo a lo dispuesto en el artículo 2.° de nuestros Estatutos, quedando en suspenso el carácter de socio hasta el momento de pagar la cuota correspondiente al año, se advierte a todos que la revista de enero solamente se remitirá a los que hayan abonado su cuota para 1935, evitándose así que la reciban personas que causan baja y no se pueda después completar la colección a aquellos que fueron alta. Conviene que todos los heaanos tengan muy en cuenta lo que dicho artículo dispone a los efectos de suspensión del carácter de socio.*

*Los miembros de H. E. A. que como delegados o como miembros que no han delegado asistan a la Asamblea, deben remitirse a cuanto en esta revista—números de octubre y noviembre—se ha dicho, y estudiar y tener en cuenta cuanto sobre la vida de H. E. A., desde el Congreso de Santander a la fecha de la Asamblea, se ha publicado.*

*Es también de gran importancia reflexionar sobre cuanto atañe a U. E. A. y relación de H. E. A. con aquélla, teniendo en cuenta cuanto se dijo (páginas 3 a 7, del número de noviembre último) y solución dada por U. E. A. a la carta del presidente de nuestra Asociación, para en la Asamblea tratar este asunto.*

*Los delegados y asistentes a la Asamblea tendrán muy en cuenta cuanto dispone el Reglamento de los Congresos, a fin de que se desarrolle aquélla de la mejor manera posible.*

*Se reitera que, exigiendo el editor del «BES-a Adresaro» el envío de las hojas de inscripción en los primeros días de enero de 1935, solamente serán incluídos en aquél los miembros que hapan enviado sus cuotas para 1935 antes del 31 de diciembre corriente.*

*H. E. A. tiene a disposición de sus miembros ejemplares del «Plena Vortaro» de S. A. T. al precio reducido de 22 pesetas (incluído el franqueo certificado), como consecuencia de haber alcanzado un 33 por 100 de descuento, que queda en beneficio de los miembros de nuestra Asociación. Los que deseen la obra, giren dicha cantidad al tesorero, D. Julián Sosa — Gonzalo de Córdoba, 22. Madrid—.*

# IO EL ĈIO

## RECEPTO POR VERKI HIMNON

1-e. Skribu la kvar unuajn versojn de *La Espero.*

2-e. Surstreku la literojn de la vortoj *colo de leono* kaj la konsonantojn de la frazo *ludu, infano, ludu.*

3-e. Aldonu la literojn de la vortoj *Artira ĥisas min.*

4-e. Miksu ĉiujn tiujn literojn kaj vi ricevos kvar versojn: du oksilabajn kaj du dekdusilabajn, kiuj estos antaŭdiro pri Esperanto.

* * *

## ĈU ILI FANFARONIS?

Junulo diris al amiko: Mi estas preta pruvi matematike, ke mi valoras preskaŭ dudekfoje pli ol li, kaj preskaŭ cent-sesdek-sepfoje pli ol vi.

—Ci estas prava—respondis la amiko—kaj mi parolas al ci senceremonie, ĉar tiamaniere mi plivalorigas al vi preskaŭ deksepfoje.

(*La solvoj, sur la venonta numero*).

* * *

## SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Ollendorf'a problemo.*—S-ro Petro estas juna, kaj ne estas la prezidanto nek la trezoristo; do, li estas la sekretario.

La blonda Petro loĝas kun sia patro en la apuda vilaĝo; do kiu loĝas kun Johano estas Henriko, samnomulo de la trezoristo.

Atentu ke se Johano estus komitatano, ni estus nominta al li S-ron Johanon, sammaniere ke ni diris S-ron Petron.

*Unu vorto kun tri signifoj.*—Li (litio, metalo); li (mia amiko); LI=51 (per romaj ciferoj).

---

—La viro (patro, tagon, konsilas filon) neniam devas trompi la simululojn.

—Kial, do, paĉjo, kiam venas personoj kaj petas monon, oni diras, ke vi forestas?

—Ĉar la kreditoroj ne estas similuloj niaj.

# TABELO DE LA ENHAVO — 1934

(NOTO: La entjera parto indikas la *numeron* de la gazeto, kaj la decimala parto, la *paĝon*.)

## EN HISPANA LINGVO

**H. E. A.**—Actas de la Junta Central Ejecutiva, 32'2, 33'2, 34'6, 35'2, 36'2, 37'2, 38'2, 39'3, 40'2, 41'2, 41'3, 42'9. Balance de fondos: año 1933, 33'7; cuarto trimestre de 1933, 33'6; primer trimestre de 1934, 36'2; segundo ídem, 39'2; tercero ídem, 42'2.—A los miembros de H. E. A., 33,4.—Una carta de la Comisión pro frente único esperantista español, 34'2. Contestación a la carta anterior, 34'5. — Inexplicable conducta, 34'4.—En legítima defensa (por J. Mangada), 34'10.—A la Directiva de H. E. A. (por J. Mangada), 38'3.—Diálogo en el Café Lisboa, 39'10.—Aclaración, 43'2.—Asamblea de Delegados de H. E. A. en Madrid, 40'3, 41'5.—Más sobre la Asamblea de Delegados, 41'6. Los vocales regionales, 40'7.—A todos los heaanos, 41'11.—Avisos, 32'5, 40'16, 41'20.—H. E. A. y U. E. A., 41'9.—Avisos importantes, 42'3, 43'8.

**Instituto Español de Esperanto.**—Instituto Español de Esperanto, 32'9, 33'12. Acta del Instituto Español de Esperanto, 39'4.—A los esperantistas hispanos, 41'12.

**Redacción.**—*Eksterlanda kroniko:* Francia, 33,17; Palabras de Mr. Maurice Rolland, diputado francés, y el Esperanto, 35'6.—*Enlanda kroniko:* Baleares, 34'26; Canarias, 32,12; Madrid, 35'17; Santander, 33'17, 35'7 (artículo, por L. Alonso), 33'15; Sevilla, 34,26, 35'17; Valencia (Alcocer y Catarroja), 32'12; Zaragoza, 34'26, 35'17.

## EN ESPERANTO

**Diversaĵoj.** — Anekdotoj, 37'6, 40'12, 41'5, 41'8, 41'15, 42'19, 42'20.

Enigmoj: Absurdaĵoj matematikaj. Kuriozaj vortoj, 33'16.—Dialogo, 34'20.—La inoj de la hejmo, 36'12.—Por kio taŭgas tiuj iloj?, 37'12.—Kie estas tiuj ranoj?, 38'12. — Strangaj filoj, 39'12.—Ne estas duboj, 40'15. — La dioj esperantistaj, 41'19.—Unu vorto kun tri signifoj, 42'19.—Recepto por verki himnon. Ĉu ili fanfaronis, 43'9.

Nia numero de la poŝtoficejo, 35'12.

P r o b l e m o j : La bareleto, 34,27. — La maraj serpentoj, 35'12.—Ĉu la numeroj mensogas, 36'12. — Unu malgranda

rondo familia, 37'11.—Malfacile legebla letero, 38'12.—Problemo kun ses solvoj, 39'12.—Anonco, 40'15.—Sesfoje senfina nombro da solvoj, 41'19.—Ollendorf'a problemo, 42'18.

KELKAJ ARTIKOLOJ. — Liston el vortoj, 33'18.—La berbera ĉefo, 34'26.—Kuriozaĵoj, 34'23.—Petrolkuracado al ftizo, 36'8.—Hinda legendo, 38'4.—Konsiloj por la kursestroj, 43'3.

**Literaturo.** — AYARZA, EMILIO. — Nur per Esperanto, 35'5.—Pacaj batalantoj, 39'8.

KLEIN, NIKOLAO.—Alia korto, alia aero (de Kolomano Mikszáth), 36'5, 37'3, 38'5.

LINERA, EMILIO G.—Araba rakonto, 36'3.

MANGADA, JULIO (J. M. R.).—Pri hispana folkloro, 34'20.—Rimarkinda murskribaĵo, 35'6.—Ve, milito! (poezio), 37'7.—Luis de Góngora (kun romanco, kaj la hispana originalo), 39'6.—Pri versfarado (kun la hispana originalo), 40'9. — Orientaĵo (poezio de Zorrilla, kun la hispana originalo), 42'11.—Markizo de Santillana (poezio, kun hispana originalo), 43'6.

MARTÍN, JACINTO.—La blindulo kaj la terkulturisto (de Johano de Timoneda), 38'3.

MARTÍN, VISITACIÓN. — La korbo, 40'10.

MEABE, TOMÁS.—La vipero kaj la nizo, 40'12.

NÚÑEZ, AMALIA (A. N. D.). Vulzio (poezio tradukita), 33'11.—Birdina amo, 37'7.—Jubileo, 42'7.

QUEVEDO, FRANCISKO DE.—Gravegaj pensoj, 40'13.

SANTAMARÍA, LUIS. — Rimo XXX (de Bécquer), 37'2.—La du edzinoj (de Campoamor), 38'2. (Ambaŭ poezioj kun la hispana originalo).

TURGUENEFF, IVAN.—La birdo (trad. F. R.), 34'22.

**Movado.** — ESPERANTISTA AKADEMIO.—Oficialaj sciigoj, 42'10.

BIBLIOGRAFIO. — «Bonhumoro», 32'III. — Pri nia verko «Santander», 33'13.—«ISE-kalendaro», 33'14. — Jubileo en Esperantujo, 34'25. — «Lloyd vojaĝoj 1934», 35'5. — Pri la verko de S-ro Francisko Azorín, 36'9.—Aviso, 34'24.—«Moderna Vortaro Esperanto Japana», «Praktika Gvido de Korespondo en Esperanto», «Filozofia Vortaro», 37'11.—«Esencia y porvenir de la lengua internacional», «Amelia kaj Marina», 38'8.—Pri nia gazeto, 39'9. — Novaj gazetoj, 40'14, 41'18, 42'17.—«Fundamento de Esperanto de Zamenhof», 40'14.—«Esperanto por komencantoj», «Skizo de Esperanto», 40'15.—«Romano pri Afrika bieno», Poŝtkartoj, 41'17. — Gvidiloj pri turismo, 41'18, 42'18.—«El Franca Literatura», «Marŝalo Jozef Pildsudsky», 42'18.

EKSTERLANDA KRONIKO. — Anglujo, 41'17. — Aŭstrio, 39'11.—Brazilio, 40'14.—Bulgarujo, 38'11.—Ĉinujo, 41'16. —Finnlando, 35'8.—Francujo, 35'9, 40'14, 42'15. — Italujo (vidu *Kongresojn*). — Japanujo, 42'15. Konkeroj de Esperanto, 33'16.—Jugoslavujo, 38'10.— Litovujo, 38'11.—Nederlando, 35'9.—Polujo, 35'10, 42'17. Radio, 34'24.—Svedujo (vidu *Kongresojn*).—Svisujo. Internacia konkurso por la junularo, 34'23.

ENLANDA KRONIKO.— Barcelona, 41'16. — Bilbao, 39'11, 40'14, 41'16.—Cartagena y Cheste (Valencia), 36'11. — Larache, 37'9. — Logroño, 40'13. — Madrid, 37'9, 38'9, 41'16. — Santander, 36'11, 39'10.—Sevilla, 37'9.—Zaragoza, 37'9, 40'13.

H. E. A.—Rimarku kaj rimarkigu, 32'6. — Por kompari kaj sperti, 33'10.—Pri firmeco de HEA, 33'13.—Pri kondutc ies, 33'15.—HEA ne nur faras predikon; ĝi ankaŭ donas tritikon, 40'5. — Komentarioj (de Unuiĝemulo), 32'7. Faktoj sen komentarioj, 34'16. — BES-a Adresaro, 38'8. — Pri BES-a Adresaro, 39'9. Avizo, 40'16.

KONGRESOJ. — Tiu de Stockholm, 34'25, 36'11, 37'10, 38'11, 42'16.—XXVI Universala Kongreso de Esperanto, 35'4.—Telegramo al XXVI^a^ Universala Kongreso de Esperanto (kun la hispana originalo) 41'10.—Tiu de Italujo, 41'16, 42'16.—Tiu okazonta en Madrido: Esperiga letero, Sukceso de H. E. A., 33'8. — XIV^a^ Kongreso de S. A. T., 37'8.— Informo pri la XIV^a^ Kongreso de S. A. T. en Valencio, 40'4.

NEKROLOGO. — D-ro. Felikso Zamenhof. P-ro. Grosjean Maupin. S-roj. Fernando Marcelino Oller kaj Juan José Zornoza, 33'14.—D-ro. Leono Zamenhof, S-ro. Frans Schoofs, 35'10.—S-ro. Emilio del Barric, 37'6.

REDAKCIO. — Feliĉan novjaron, 32'2. — Korespondado, 37'12. — Leterkesto, 39'12.— Korespondantoj, 41'12.

U. E. A.—Pri U. E. A., 42'3, 43'5.

